# Esperanto
# en
# Azio kaj Oceanio

**(Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado)**
**N-ro 101**
Bulteno de KAEM
Oktobro 2018

--------------------------------------------------------------------------------




## La 9-a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto
### La 25an-28an de aprilo 2019

Loko: Danang, Vjetnamio
Temo: Esperanto kaj kultura diverseco de Azio kaj Oceanio

KAEM havas plezuron inviti esperantistojn de Azio kaj Oceanio kaj de la tuta mondo. La kongresa temo estas "Esperanto kaj Kultura Diverseco de Azio kaj Oceanio". Danang estas agrabla, gaja urbo situanta ĉe la mezo de Vjetnamio.



# Sukcesa estis la dua Komuna Kongreso inter Japanio kaj Koreio



Inter la 12a kaj la 14a de oktobro 2018 okazis La 2a Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio (La 105a Japana Esperanto-Kongreso kaj la 50a Korea Kongreso de Esperanto) en la urbo Nara, Japanio. Aliĝis entute 543 personoj laŭ la fina statistiko. Tio konsistas el 76 aliĝintoj el Koreio kaj 467 aliĝintoj el Japanio. El kiuj, efektive vizitis la kongresejon 68 el Koreio kaj 354 el Japanio. Cetere, la aliĝintoj el Japanio inkluzivas vizitantojn el la mondo, krom Koreio kaj Japanio.

El tiuj landoj estas jene:
(Azio) Barato, Ĉinio, Ĉinio-Tajvano, FIlipinio, Indonezio, Irano, Vjetnamio
(Ameriko) Ĉilio, Kanado
(Eŭropo) Francio, Germanio, Hungario

La kongresa temo estis "Diverseco kaj komuneco de kulturoj – en Esperanto".

Dum la kongresaj tagoj la vetero estis bela. Partoprenantoj ĝuis ne nur prelegojn kaj kunsidojn, sed ankaŭ turismon en la malnova ĉefurbo.

# Azia Agado dum la Komuna Kongreso



Dum la 2-a Komuna Kongreso okazis kunsido “Azia Agado” inter 9:10 kaj 10:35 la 14an de oktobro dimanĉe. 39 homoj ĉeestis. Salutis s-ro Niŝinaga Acusi, Estro de Internacia Fako de Japana E-Instituto, kaj d-ro So Jinsu, Prezidanto de Azia-Oceania Komisiono de UEA (KAEM).

Jene sekvis raportoj papere aŭ ekrane pri E-movado; Irano (d-ro Keyhan Sayadpour, malfermiĝo de la asocia oficejo), Vjetnamio (s-ino Duong Tu Kieu, la 9a Azia Kongreso), Koreio (s-ro Im Hanu, disvastigo per interreto, diversaj renkontiĝoj), Tajvano (s-ino Chen Li Ru, bulteno Formosa), Indonezio (s-ino Ilia Sumilfia Dewi, reklamo en trajnoj), Japanio (s-ro Suzuki Keiiĉiro, 100-jara jubileo de JEI en 2019), Filipinio (s-ro Arbert Stalin Garrido, studenta klubo), Ĉinio (s-ro Sun Mingxiao, Esperanto en Zaozhuang) kaj KAEM (s-ro Inumaru Fumio pri ĝenerala bildo laŭ regionoj de KAEM). S-ro Hori Jasuo, la redaktanto, parolis pri la bulteno Esperanto en Azio kaj Oceanio.

*En parentezoj estas nur unu el menciitaĵoj.

Dum “Demandoj kaj Respondoj” al la demandoj respondis Ilia pri Orienta Timoro, Inumaru pri Kamboĝo, So Jinsu kaj aldone Inumaru pri Barato, Keyhan Sayadpour pri vojaĝo en Irano kaj So Jinsu respondis pri malgranda ebleco okazigi Azian Kongreson en Rusio aŭ Novzelando.

Ni disdonis denove al la ĉeestantoj la informilon pri la 9-a Azia Kongreso okazonta aprile en 2019 en Danang, kvankam ni metis ĝin en la kongresan sakon. D-ro So Jinsu rekomendis tujan aliĝon.

Inter la ĉeestantoj ĉefe japanaj kaj koreaj, ni sukcesis veki interesojn pri azia movado, ni kredas. (Raportas Niŝinaga kaj Inumaru)

# Barato

## Raporto de Estrarkunsido, Puneo




Giridhar RAO
rao.giridhar@apu.edu.in

Sabate la 30an de junio kaj dimanĉe la 1an de julio 2018 okazis en Puneo la Estrarkunsido de la Federacio Esperanto de Barato (FEB). Ĉeestis ĝin la estraranoj: Abdul Salam, A. Giridhar Rao, Nischad Salam, P.V. Ranganayakulu, kaj Syam Sunder Pal. Ankaŭ ĉeestis la kunsidon s-ro Naga Siva Kotha, kiel observanto. La kunsido okazis en tre amikeca etoso en la hejmo de la familio Salam. Jen resumo de niaj diskutoj:

**Movado**

1. FEB funkciu kiel tegmenta asocio de asocioj. Tiel estas, la filioj de FEB (ekz. kluboj en diversaj urboj) estu memstaraj unuopoj. FEB laŭeble faciligu ilian laboron.
2. FEB-strukturo: Pormomente, ĝis okazos nia Landa Kongreso, FEB funkciu kiel Konsilio. La konsilianoj estas la jenaj: Pal, Ranga, Rao, N. Salam kaj Siva. Dum la Landa Kongreso ni elektu novan estraron.
3. La Konsilio proponu eventualajn ĝisdatigojn al la FEB-statuto. Estu la nova estraro, kiu pridiskutu kaj aprobu ilin.
4. Landa Kongreso: Provizore ni decidis okazigi Landan Kongreson de FEB, la 15an - 16an de decembro 2018 en Tirupatio, Andhrapradeŝo. (Respondeculo(j): Ranga)

5. FEB prizorgu jaran kalendaron de Esperanto-agadoj tra la tuta lando. (Siva, Giridhar)
6. FEB eklaboru pri ampleksa, profesieca historio de Esperanto en Barato. (Ranga)
7. Daŭre okazos la monata renkontiĝo BERo — Bengalura Esperanto-Renkontiĝo. (Giridhar)

**Membriĝo**

1. FEB-membriĝo estu senpaga. Ni kolektu monon laŭbezone.
2. FEB prizorgu datumbazon de membraro. Ni listigu niajn membrojn laŭ aktivaj membroj, iamaj esperantistoj, kaj apogantoj. (Giridhar, Nischad, Pal, Ranga kaj Siva).
3. Ni ĉiuj provu reaktivigi la iamajn esperantistojn; tiri ilin denove en la landan movadon. (Pal, Ranga).
4. Fontoj kiel Fondaĵo Canuto estu petataj membrigi tiujn esperantistojn (ĉefe junajn), kiuj mem ne tiumomente mongajnas.

**Komunikado**

1. FEB uzu la jam ekzistantajn kvar informforumojn baratajn: La retejo,Yahoo-listo, vacapa grupo kaj FB (Fejsbuko) -grupo.
2. FEB arigu informojn de siaj filioj kaj plusendu ilin al diversaj forumoj: krom niaj propraj forumoj, ankaŭ al retlistoj kiel Landa Asocio kaj revuoj kiel *Esperanto en Azio kaj Oceanio* kaj *Esperanto de UEA*. (Siva kaj Giridhar)
3. Kreu en la retejo blogon plurlingvan kiu aktuale informas pri movadaj agadoj enbarataj — pri kursoj, renkontiĝoj, eldonaĵoj, ktp. Tiu blogo estu kvazaŭ nia renovigita revuo *Fenestro*. (Siva, Ranga kaj Giridhar)

**Instruado**

1. Kadre de la kunsido en Puneo, la Konsilio vizitis lokan kulturcentron Raah kaj informis la estrinon pri Esperanto. Ni tuj

estis invititaj gvidi kurson en Raah jam de aŭgusto 2018! Do, la aktivuloj en Puneo jam okupiĝas pri tio. (Nischad, Pal kaj Siva)

2. Okazos baza kurso pri Esperanto en Universitato Azim Premji de julio ĝis novembro 2018.

## Barata Esperanto-Kongreso 18

Tirupatio, la 15a -16a de decembro 2018

Federacio Esperanto de Barato (FEB) invitas vin partopreni en BEK 18, Barata Esperanto-Kongreso 2018, kiu okazos de la 15a ĝis la 16a de decembro 2018 en la urbo Tirupatio en Andhrapradeŝo. La kongresa temo estas "Barato 19: taskoj kaj defioj".

Jen la aliĝilo. Plenigu ĝin, kaj oni kontaktos vin baldaŭ!

Okazas Landa Kongreso de FEB post longa paŭzo. Estas bona momento rigardi la movadon kaj ene de Barato, kaj en la kunteksto de la azia kaj la monda esperantaj movadoj. Pro niaj diskutoj dum la Kongreso, ni esperEble alvenos al perspektivo de, kaj laborplano por, forta movado en Barato.

La Kongreso ankaŭ elektos novan estraron, kiu laboros realigi la perspektivon kaj laborplanon de FEB. Tiucele, BEK 18 invitas vin prezenti viajn ideojn kaj proponojn pri "Barato 19: taskoj kaj defioj".

Kotizo: 1500 barataj rupioj (pagenda surloke). La kotizo inkluzivas dunoktan loĝadon (dum la 15a kaj 16a de decembro), manĝaĵon (matenmanĝon, tagmanĝon kaj vespermanĝon) kaj transporton inter la loĝejo kaj la kongresejo dum tiuj du tagoj. Jen la aliĝilo. Oni kontaktos vin baldaŭ!

**Kongresejo:** Regional Science Centre, Tirupati, Andhra Pradesh. Google-mapo: https://goo.gl/maps/AZGF7VfkxqM2

**Provizora programo:**

Vendredo, la 14an de decembro 2018:

Registriĝo kaj Interkona vespero

Sabato, la 15an de decembro:

- Registriĝo

- Solena malfermo (plurlingve por neesperantistaj gastoj)
- Salutoj kaj salutmesaĝoj
- Enkonduko de la Kongresa Temo
- Laborsesioj
- Elekto de la estraro de FEB
- Bankedo

Dimanĉo, la 16an de decembro:

- Estraro de FEB prezentos siajn perspektivon kaj laborplanon
- Publika diskuto
- Solena fermo

Por pli da informo, bonvolu kontakti d-ron Ranga aŭ s-ron Siva ĉe barata.kongreso@gmail.com.

## Esperanta kurso en Puneo




La 26an de aŭgusto 2018 ni finis la 4an Esperantan kurson el la 10 kursoj, kiujn ni planis en la urbo Puneo. La kursoj okazas en la organizaĵo Raah – Literacy & Cultural Centre.

Ni komencis la kursojn la 5an de aŭgusto 2018. Pli ol 15 homoj ĉeestis en la unua kurso kaj feliĉe nun ni havas 10 studentojn el ili. Ili ĉiuj partoprenas en ĉiuj kursoj kaj interesiĝas pri Esperanto.

S-ro Nischad Salam, s-ro SS Pal kaj mi (Naga Siva) enkondukis Esperanton al ili, uzante la libron verkitan de d-ro Ranganayakulu. Ili lernis lecionojn el tiu ĉi libro kaj praktikis etajn frazojn por facile

kompreni kaj paroli. S-ro Nischad havas bonan gvidan sperton kaj facile finas la unuan lecionon en unu kurso kaj ĉiuj komprenis. S-ro SS Pal gvidis kaj subtenis nin, instruante nuancojn de la lingvo.

Ni volas danki ankaŭ al Aiman Mehta (ĉefo de la organizaĵo Raah), kiu invitis nin (mi, s-ro Nischad Salam, s-ro SS Pal, s-ro Ranganayakulu, d-ro A Giridhar Rao) post la enkonduko de Esperanto pere de s-ro Nischad Salam kaj tuje donis la lokon por 10 semajnoj (ĉiuj dimanĉoj je la 3a posttagmeze) por instrui Esperanton. Krome li ankaŭ reklamis Esperanton, por ke ni havu multajn lernantojn.

## Bengalura Esperanto-Renkontiĝo

Sabate, la 18an de aŭgusto, okazis la 23a BERo — la Bengalura Esperanto-Renkontiĝo. Kiel kutime, ni kunvenis posttagmeze en la Parko Cubbon. Venis nova esperantisto, s-ro Nikhil kun sia edzino s-ino Suŝma. La ceteraj en la grupo jam konis lin pere de nia vacapa grupo "Barataj Esperantistoj". Sed estis nia unua renkontiĝo. Eĉ pli interese, estis la unuafoja, ke Nikhil efektive parolis Esperanton! Dankon, Nikhil, pro la ĉeesto! — Giridhar

## Esperanto-Klubo en Mumbajo

La 26an de julio, 2018, komenciĝis la sesioj de la Esperanto-Klubo de Universitato de Mumbajo (University of Mumbai). La celo de la klubo estas ebligi al homoj, kiuj interesiĝas en Esperanto, lerni ĝin kune. Ĉi tiu klubo estiĝis precipe pro la instigo de s-ro Probal Dasgupta, kaj pro la bonŝanca fakto, ke mi estis studento en la fakultato de lingvistiko, kies profesoroj ankaŭ entuziasmas pri la ideo de ĉi tia klubo.

Klubsesioj okazos ĉiuĵaŭde kaj daŭros 90 minutojn, kaj la jaraj kotizoj estos INR 200. Por pli da informoj, bonvolu kontakti min ĉe esperanto.mu@gmail.com.

Rohan Dharwadkar

# Mongolio kaj Ĉinio

## Vizito de s-ro Ĉielismo al Mongolio



Dum la 23a-27a de septembro 2018 prezidanto de IKEF s-ro Ĉielismo (Wang Tianyi) el Ĉinio vizitis Mongolion kun sia partnero, s-ro Li Ruiquan, direktoro de la ĉina Xi'an urba fervoja kompanio "Xi'an Nuoruiya Electrical" cele viziti fervojajn kompaniojn de Mongolio kaj de Ulanbatoro kaj Mongolan Komercan Ĉambron.

La 24an de septembro la estro de Jura Fako de Mongola Fervojo, s-ro R.Byambaa, akceptis s-ron Ĉielismo kaj s-ron Li Ruiquan. Dum la renkontiĝo ili interŝanĝis opiniojn pri renovigo de mongolaj fervojaj lokomotivoj. Ambaŭ flankoj interkonsentis plu progresigi kunlaboradon.

La 25an de septembro la gastoj vizitis deponejon de lokomotivoj de ulanbatora fervojo. La estro kaj la ĉefa inĝeniero de la deponejo akceptis ilin kaj afereme diskutis pri profesiaj laboroj. Rezulte kaj fine de la renkontiĝo ambaŭ flankoj interkonsentis prove instali ĉinajn lokomotivajn lumigilojn/lampojn por anstataŭigi en proksima estonto malnovajn lampojn per modernaj LED-lampoj. Post supremenciitaj renkontiĝoj, tiun tagon direktoro de la ĉina fervoja kompanio s-ro Li Ruiquan forlasis Mongolion kun sukcesaj kontraktoj.

La saman tagon, s-ro Ĉielismo kiel membro de Xi'an-urba Komerca Ĉambro vizitis Mongolan Komercan Ĉambron. Tie lin akceptis estro pri eksteraj rilatoj kaj kunlaboroj de la Mongola Ĉambro s-ro B. Munkh-Orgil. La akceptanto kaj la gasto reciproke informis pri agadoj

de siaj organizoj kaj parolis pri favoraj politiko kaj doganumo por produkti kaj eksporti de Mongolio al aliaj landoj.

La 26an de septembro s-ro Ĉielismo renkontiĝis kun s-ro Ts. Oyunbaatar, la eksa ĉefministro de Mongolio kaj nuna vicprezidanto de Popol-Revolucia partio. La renkontiĝon partoprenis la estro de metal-produkta kompanio "Gan Khiits" s-ro M. Davaasuren kaj direktoro de mongola televidkanalo LCN s-ino Ch.Baasanjav. Dum la renkontiĝo la ĉeestantoj diskutis pri eblecoj de ĝemeliĝo inter la du urboj: Ulanbatoro kaj Xi'an; kaj ankaŭ pri kunlaboro en kampoj de komerco kaj turismo. S-ro Ĉielismo invitis s-ron Ts. Oyunbaatar al venontjara internacia forumo en Xi'an.

Ĉi-foja dua vizito de s-ro Ĉielismo ĉefe celis progresigi utilecon de Esperanto en profesia aplikado en Mongolio. Lia unua vizito okazis en 2010 pro partopreno de la 6a Azia Kongreso de Esperanto en mongola ĉefurbo Ulanbatoro.

Supremenciitajn renkontiĝojn ĉeestis kunordiganto de IKEF-Mongolio s-ro Ch. Enkhee kaj aliaj 3 mongolaj IKEF-anoj. Krome okazis vizito al mongola-ĉina lernejo « Amikeco » kaj al Esperanto-kafejo en Ulanbatoro, ankaŭ renkontiĝo kun instruistoj de fervoja kolegio kaj adiaŭa bankedo kun mongolaj IKEF-anoj.

Chimedtseren Enkhee
chimedtserenenkhee@yahoo.com

# Irano

## La 12-a Mezorienta Kunveno en Irano

Esperanto-movado en Irano havas jarcent-longan historion. Ĝi heroe sukcesis travivi politikajn ŝanĝiĝojn de ĉiu speco kaj ankoraŭ nun ĝi estas unu el la plej viglaj movadoj en la meza oriento. Ĝi iom suferas pri izoleco. Nun vi havas la okazon renkonti iranajn esperantistojn kaj kunligi ilin kun la pli ĝenerala Esperanto-mondo.

Legu ĉion pri la 12-a Mezorienta Kunveno en https://uea.org/vikio/La_dek-dua_Mezorienta_Kunveno_en_Irano.

**Dato: la 28an – 31an de marto 2019**
**Loko: Kaŝano**
**Aliĝoj kaj informoj** ĉe: mezorienta.kunveno@esperanto.org
https://uea.org/vikio/La_dek-dua_Mezorienta_Kunveno_en_Irano
**Temo**: La Esperanto-movado en Meza Oriento kaj Centra Azio
**Tagordo:**

**3/28**

- Komuna veturado de Teherano al Kaŝano
- 18:00 Mallonga piedira ekskurso en la urbo
- 21:00 Interkona vespero

**3/29**

- 09:00-10:00 Renato Corsetti: Enkonduka prelego pri la kunveno
- 10:00-11:00 Maria Butan: La Pejzaĝo kaj ĝia influo sur nin
- 11:00-12:00 Annie Grente: Portretoj de mezorientaj rifuĝintoj
- 14:30 Laŭvola vizito al la Bazaro
- 21:00 Vespera programo

**3/30**

- 09:00-10:00 Keyhan Sayadpour: Unu el la grandaj literaturoj de la mondo: la persa
- 10:00-11:00 Nazi Solat: La Esperanto-movado en Irano: Historio kaj nuntempo
- 11:00-12:00 Frank Lappe pri interkulturaj rilatoj
- 15:00 Vizito de alia parto de la urbo piede
- 21:00 Vespera programo

**3/31**

- 09:00-10:00 Taled Orabi: Etaj ŝanĝoj, egaj rezultoj
- 10:00-12:00 Mireille Grosjean: Kiam elefantoj batalas, la herbo suferas: Vundaj lokoj en la mondo.
- 14:30 Adiaŭo kun geamikoj, kiuj ne akompanos nin al Teherano
- 15:00 Ek al Teherano (buse)

**Pli da informo**: La dek-dua Mezorienta Kunveno en Irano

## Indonezio

### Enkonduko de Esperanto en Poliglota Renkontiĝo

La 26an de aŭgusto 2018, Indonezia Esperanto-Asocio (IEA) kunlaboris kun la Indonezia Poliglota Komunumo en Ĝakarto por enkonduki Esperanton al la membroj, kiuj estas lingvaj entuziasmuloj. La prezidanto de IEA, Ilia, estis invitita kun la membro, Arman Yusuf por fari la prezentadon dum 2 horoj.



Ĉeestis 58 homoj, kiuj plejparte jam regas pli ol du lingvojn. Ili interesiĝas partopreni la enkondukon de Esperanto, ĉar kelkaj diris, ke ili neniam aŭdis pri Esperanto kaj aliaj iam sciis, tamen nur malmulte da informo. Mi komencis la prezentadon kun iom da historio pri Esperanto kaj la movado. Poste mi prezentis la rolojn de UEA, IEA kaj la avantaĝojn de Esperanto-lernado. Kelkaj partoprenantoj scivoleme demandis post kiam ili aŭskultis, ke pere de Esperanto, ili povas senpage tranokti ĉe la domoj de esperantistoj kaj sperti la kulturan interŝanĝon kun la lokanoj, kiam ili vojaĝas eksterlande.

En la sekva sesio, mi instruis la bazan lecionon al la partoprenantoj. Unue mi konsilis por ke ili havu libron de “Kunci”, kiu enhavas la



simplan gramatikon kaj la vortareton. Tiel ili povas pli facile sekvi la lecionon. Mi ankaŭ disponigis kelkajn kopiojn de lecionoj pri alfabetoj, ĉiferoj, Esperantaj kantoj kaj ekzemplo de simpla konversacio. Mi montris al ili, ke Esperanto estas relative facila kaj lerninda. Antaŭ la fino de la prezentado, mi praktikis Esperanton kun Arman per mallonga konversacio, kiun oni kutime faras en la unua renkontiĝo.

Laste, la organizanto de la renkontiĝo donis tempon por la partoprenanto, kiu volis starigi ion ajn demandon pri Esperanto. Kelkaj entuziasme demandis pri gramatikaĵo, Esperanto-literaturo, filmo, muziko kaj aliaj petis informon pri la Esperanto-kurso. Ni taksas, ke la renkontiĝo sukcese okazis por disvastigi Esperanton al pli da indonezianoj.

Ekde tiu renkontiĝo, mi regule ĉeestas en la poliglota renkontiĝo, kiu estas aranĝita du fojojn monate. Mi kolektas la ĉeestantojn, kiuj deziras lerni kune Esperanton kaj gvidi ilin por la baza leciono kaj praktiko.

Verkita de Ilia Sumilfia Dewi : ilia.dewi@gmail.com

**Filmo de Kongresanoj el Aziaj Landoj**
en 103a UK, Lisbono Portugalio 2018

https://www.youtube.com/watch?v=QiaL8YiGRoc

So Jinsu (Koreio)

**Nepalo**

## Okazis la 13-a Nacia Kongreso

La 13-a Nacia Kongreso (25-jara ĝenerala asembleo) de Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) okazis la 29-an de septermbro, 2018 en Esperanto-Domo en Thamelo. Partoprenis 62 esperantistoj, pli ol duono de la tuta membraro de la asocio.

La programo komenciĝis je la 12:30. La programo estis dividita en du sesiojn. La unua sesio komenciĝis per la paroloj de diversaj gravuloj de NEspA. Antaŭaj prezidantoj Mukunda Raj Pathik, LP Agnihotri, Maya Rai, iamaj sekretarioj s-roj Hareram Bista, Navin lal Shrestha, Cholnath Pokharel, Biswmbhar Ghimire, Ramesh Aryal, Parashawar Rijal kaj aliaj pluraj membroj diris kelkajn vortojn pri Esperanto kaj la historio de NEspA. S-ino Gayatri Sharma rakontis pri sia partopreno pasintsomere en la 103a UK en Portugalio.

Reprezentantoj el la Meĉi-Esperanto-Societo kaj Itahari-branĉo, respektive s-roj Janardan Uprety kaj Shree Pokharel parolis pri siaj agadoj, planoj kaj sugestoj siaflanke.

La jara kaj financa raportoj estis prezentitaj de respektive s-roj Bharat Ghimire kaj estrarano Dipak Shrestha (ĉar la kasistino estis for en tiu tago). Membroj komentis, faris demandojn kaj fine aprobis ambaŭ raportojn.

La unua sesio finiĝis per parolado de la kunvenestro, s-ino Indu Devi Thapaliya, prezidanto de NEspA. Je la fino ŝi eksigis la estraran komitaton de la pasintaj du jaroj.

En la dua sesio okazis la elekto de la nova estraro de NEspA. Jen ties novaj membroj, elektitaj por du jaroj:

Prezidanto: s-ino Indu Devi Thapaliya
Vicprezidantoj: s-roj Chol Nath Pokharel kaj Bishwamver Ghimire
Ĝenerala-sekretario: s-ro Bharat Kumar Ghimire
Sekretario: s-ro Prakash Ghimire
Kasisto: s-ro Ramesh Aryal
Membroj: s-ro Navin Lal Shrestha, s-ro Mukunda Bahadur Chhetri,

s-ro Dipak Shrestha, s-ino Dipa Dahal,
s-ro Yugal Bhattarai

Mi gratulas la nove elektitajn estraranojn kaj deziras sukcesan kunlaboron en la venontaj du jaroj, kaj samtempe dankas al la malnova estraro pro ties dujara laborado. Bharat Kumar Ghimire

## Okazos la 13-a Internacia Himalaja Renkontiĝo 2019

La ĉefa parto de la Himalaja Renkontiĝo 2019 estos vojaĝo al alia granda valo de Nepalo, nome Pokhara situanta okcidente 200 kilometrojn for de Katmanduo. Survoje ni haltos por vidi vidindaĵojn laŭ la riveroj Trisuli kaj Marsjagdi. De Pokhara ni povas ĝui fabelan panoramon de la montoj de Annapurna, Dhaŭlagiri kaj Manaslu (8000 metroj altaj) en la Himalaja Montaro. La pinto de Maĉapuĉre (la fiŝvosto) majeste dominas la scenon.

**Laŭtaga skizo de Panchhase-Piedvojaĝo:**
la 26an de februaro: Alveno, enhoteliĝo kaj bonvenigo
la 27an de februaro: Vidindaĵoj en Katmanduo
la 28an de februaro: Vidindaĵoj en Katmanduo
la 1an de marto: 6-hora veturado de Katmanduo al Pokhara (820m)
la 2an : 4-hora marŝado de Pokhara al Pumdi (1520m)
la 3an : 5-hora marŝado de Pumdi al Panchhase Vanjang (2500m)
la 4an: 6-hora marŝado de Panchhase al Bhadaure (1670m)
la 5an: 6-hora marŝado de Bhadaure al Naudada (1515m)
la 6an: 6-hora marŝado de Naudada al Pokhara
la 7an: Reveno de Pokhara al Katmanduo
la 8an: Libera tago kaj Adiaŭa Vespero
la 9an de marto: Foriro

Se vi havos intereson pri la Renkontiĝo, kontaktu:
Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518 Kathmandu, Nepal.
Telefono:00977-9841273761 Retadreso: nespa.1990@gmail.com
Retejo : www.esperanto.org.np

## Filipinio

### Fondita estis
### La Esperanto-Societo de la Universitato de Filipinio

Albert Stalin T. Garrido, Fonda Prezidanto,
UP Esperanto-Societo




Omaĝe al la 131a jariĝo de Esperanto, la 26an de julio 2018 formale fondiĝis Esperanto-Societo de la Universitato de Filipinio-Diliman, alinome "UP Esperanto-Societo" kaj mallonge "UP Esperas", en la urbo Quezon, oriente de Manila.

En la konferencejo de la Nacia Instituto pri la Disvolvo de Matematika kaj Scienca Edukado (NISMED) de la Universitato tuttage okazis la Fonda Asembleo de la Esperanto-Societo, partoprenita de 10 membroj. Kvar volontuloj el la Filipina-Japana Amikeca Klubo ankaŭ helpis kiel sekretarioj. Interalie oni priparolis kaj aprobis la Statuton, elektis la Fondan Estraron, kaj okazigis omaĝan programon okaze de la Esperanto-Tago.

La jenaj individuoj elektiĝis kiel la fondaj estraranoj de la Esperanto-Societo, konforme al ĝia Statuto:

Prezidanto: Albert Stalin T. Garrido
Vicprezidanto pri internaj aferoj: Jennilyn C. Galang –;
Vicprezidanto pri eksteraj aferoj: Ronne Gabriel M. Villa –;
Ĝenerala sekretario: Mikayla V. Mendoza –;
Direktoroj: Carl C. Dizon, Tous J. Remulla, Anne Frances B. Calceta , Archieval L. Mariano, Leo Niel Jasper R. Sese

Elektiĝis kiel honora membro El John G. Fernandez, eksa ĝenerala sekretario de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) kaj vicprezidanto de la

Asembleo. Ankaŭ nomumitaj kiel konsilistoj estis d-ro Ricardo Ma. D. Nolasco, eminenta lingvisto pri filipinaj lingvoj kaj eksprezidanto de la Komisiono pri Filipinaj Lingvoj (KWF) kaj Dr. Yany P. Lopez, prezidantino de la fakultato pri geografio kaj subtenanto de Esperanto.



La 1an de junio 2018 aperis publika alvoko en sociaj retejoj por interesitoj fariĝi membro de la Esperanto-Societo, kaj fine 14 individuoj konsistigis la fondan membraron de la organizo. Fondiĝinte, la Esperanto-Societo ankaŭ fariĝis la unua universitata E-organizo en la historio de la landa E-movado, kaj la unua sendependa sekcio de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ).

Planado por starigi la universitatan klubon estis aktiva tiel frue, kiel en aŭgusto 2017, kvankam la projekto preskaŭ ne daŭris pro manko de homaj rimedoj. La komencajn fazojn de la Esperanto-Societo gvidis la Prepara Komitato, kiu konsistis el Garrido, Remulla, Galang, kaj Villa. Notindas, ke Garrido estis la fondinto kaj eksa ĝenerala sekretario kaj prezidanto de FEJ, servante de 2013 ĝis 2016 kaj 2016 ĝis 2018, respektive.

La starigo de la Esperanto-Societo estis granda paŝo antaŭen por la loka Esperanto-movado, ĉar la Universitato havas pli ol 20,000 studentojn kaj fakultatanojn. Estante la ĉefa ŝtata universitato, la Universitato de Filipinio estas ankaŭ vaste konata kiel bastiono de akademia libereco, per kiu anoj rajtas praktiki kaj antaŭenigi siajn proprajn ideojn, opiniojn, ktp. Membroj de la Esperanto-Societo do esperas, ke al multaj studentoj de la Universitato plaĉos la ideo de internacia komunikado kaj kunlaborado kun aliaj gejunuloj per neŭtrala planlingvo. Tio ankaŭ estas paŝo por enkonduki Esperanton kiel unu el formalaj lingvaj kursoj sub la Fakultato pri Eŭropaj Lingvoj. Memorindas, ke en 2006 s-ro Bharat Ghimire (Nepalo) venis por instrui

la lingvon en la lando, inkluzive en la Universitato, kie li sukcesis okazigi dutagan Esperanto-kurson.

En la unua semestro de la akademia jaro 2018-2019, la Esperanto-Societo komencos malfermi sin por akcepti novajn membrojn, kaj antaŭvidas malfermi neformalajn lingvajn kursojn por membroj kaj eksteraj interesitoj en septembro. Kiel ĝia nova grava paŝo, la Esperanto-Societo devos submeti postulatajn dokumentojn kadre de sia kandidatiĝo por fariĝi oficiale agnoskata organizo meze de septembro.

Subtenoj diversspecaj por la pli rapida disvolvo de la aktivaĵoj estas bonvenaj. Tiukaze, bonvolu kontakti la Esperanto-Societon per la retadreso **up.esperas@gmail.com**. Atingeblas la Esperanto-Societo ankaŭ per sociaj retejoj: http://facebook.com/UPEsperas kaj http://twitter.com/UPEsperas.




## La Monda Kongreso de Filozofio

La 13an de aŭgusto, la 24a Monda Kongreso de Filozofio (MKF) estis malfermita en Pekino. Ĝin organizas Internacia Federacio de Filozofiaj Societoj kaj Pekina Universitato. Partoprenas en la kongreso pli ol 6,000 filozofoj kaj filozofiaj ŝatantoj el 121 landoj kaj regionoj de la mondo. Estas la dua fojo, ke tiu kongreso okazas en Azio, kaj la unua fojo en Ĉinio.

MKF komenciĝis en 1900 kaj okazas en ĉiu 5-a jaro, la unua MKF okazis en Parizo, Francio. Ĝi estas la plej granda filozofia konferenco en la mondo. En ĉi tiu kongreso, ĉinaj filozofio kaj kulturo unuafoje fariĝis la baza akademia kadro, kun la temo "Lerni por esti homo". De la 13a ĝis la 20a de aŭgusto, okazas diversaj akademiaj eventoj kiel plena kunveno, tema forumo, prelego, grupa kunsido, rondtabla kunveno, evento por studentoj kaj tiel plu.

## Uzbekio

### Vigle paŝas antaŭen

Ĉi-somere tuj post la oficiala registriĝo de la landa E-Asocio (UzEA) al nia lando, Uzbekio, venis sperta E-instruisto, fama fakulo en Esperantujo s-ino Tatjana G. Loskutova el Rusio. Unue, dum unu semajno ŝi instruis en Samarkando kaj poste venis al la ĉefurbo, Taŝkento. Post la registriĝo de la Asocio por mi estis iom malfacile tuj trovi klasĉambron por instruado. Sed mi sukcesis trovi ĝin en la urba junulara centro. Kutime somero estas ripozperiodo por studentoj kaj lernantoj kaj ankaŭ por aliaj homoj. Pro tio iom estis malfacile organizi grupon. Malgraŭ tio troviĝis kelkaj dezirantoj por lerni la internacian lingvon. Nia estimata gasto Tatjana L. plezure komencis instrui. Estis rimarkeble, ke tuj ekplaĉis al ĉiuj gelernantoj ŝia nova facila, ege interesa kaj speciale preparita lernoprogramo por uzbekaj lernantoj. Ĉiuj ĉeestintoj tuj ekamis ŝin pro ŝia afableco kaj agrabla studmaniero. Post la longa paŭzo en nia landa E-movado, kiun kaŭzis la forpaso de la fama E-aktivulo Eŭgeno S.Perevertajlo, tiu instruado estis granda evento por miaj samlandanoj.

Dum 10 tagoj, kiujn mi pasigis kun Tatjana, ankaŭ mi mem sentis min en vera Esperantujo, ĉar mi estis ege E-sopirinta post mia longtempa senesperanta vivo. Post 22 jaroj mi ankaŭ estis rekomencinto nian favoratan movadon. Ŝia ĉeesto estis por mi bonega ŝanco por revigligi mian E-agadon. Mi estas ege kontenta pri ŝia instruado, nova kaj moderna programo kaj ege bezonataj por mi konsiloj. Mi kaj ankaŭ ĉiuj miaj gesamideanoj el nia lando neniam forgesos tiujn agrablajn tagojn, kaj ni ĉiuj elkore dankas ŝin. Jes, ŝia vizito al nia lando estis grava kaj granda paŝo por restarigi E-agadon en nia regiono. Ni kun Tatjana L. senĉese interparolis pri la estonteco de nia Landa Asocio kaj entute pri la tutmonda E-movado, kune planis niajn efektivigotajn celojn. Unuvorte, ŝia alveno al nia lando inspiris nin por vigle paŝi antaŭen kaj ni, UzEA-anoj, refoje dankas ŝin kaj aliajn personojn, kiuj organizis, prizorgis kaj subtenis tiun projekton kaj deziras al ĉiuj niaj gesamideanoj sukceson, feliĉon kaj brilan estontecon!

Nuntempe mi havas du E-grupojn, en kiuj oni lernis la lingvon : ĉiu grupo havas lecionojn du fojojn semajne. Kelkaj gekursanoj venas eĉ el aliaj malproksimaj provincoj. Krom tio ni malfermis E-teatran studion, kie oni povas roli, kanti kaj muziki.

Jam baldaŭ finiĝos nia kurso por komencantoj. Post la fino estas planata veturo de miaj junaj gelernantoj al Samarkando por renkontiĝi kun tieaj gesamideanoj kaj por stimuli ilin al plia E-aktivado. Ekde novembro komenciĝos E-kurso en nova grupo kun multaj dezirantoj.



En komencaj tagoj de oktobro vizitis nin s-ro d-ro Kobashi, sperta esperantisto el Japanio (en la foto, kvara homo de dekstre en la dua vico), kiu restis ĉi tie dum du semajnoj. Li vizitis unu el niaj lecionoj kaj interparolis kun la gelernantoj. S-ro Kobashi estis ege kontenta pro nia sukceso. Li plezure interparolis kun la gekursanoj, multe demandis ilin kaj ili ĉiuj ĥore respondadis. Poste, ĉe la fino de lia vizito, ni organizis malgrandan, sed interesan kulturprogramon. Venis ankaŭ du famaj uzbekaj kantistoj kaj ni ĉiuj kantis kaj samtempe vespermanĝis.

Finfine organizaj malfacilaĵoj jam restis malantaŭe. En proksima estonteco ni povus okazigi ne nur regionan, sed ankaŭ internacian E-aranĝon. (Gafur Mirzo, prezidanto de UzEA)

# Mia Esperanto-instruado en Samarkando kaj Taŝkento

**Tatjana Loskutova, Rusio**

Instrui Esperanton eksterlande jam estas pli malpli kutima dumferia okupo por mi, sed ne ĉiam facila kaj postulanta certan prepariĝon. La unua sperto estis en iama Ĉeĥoslovakio, Lanĉov-tendaro[1], en 1980; poste sekvis kelkaj landoj de okcidenta Eŭropo kaj Sud-Azio. La pasintan someron mi instruis en Uzbekio, lando iasence nova por ni, rusoj: relative proksima kaj distance, kaj certagrade pensmaniere, kaj historie: ja Rusio kaj Uzbekio estis nedisigeblaj partoj de unu ŝtato, Sovetunio, dum 67 jaroj. Tamen, ĉio estas vere relativa, ĉar por atingi Uzbekion el Moskvo oni devas flugi 4 horojn (ĉ. 3000 km). Historie Uzbekio estas pli multaĝa ol Rusio, kaj tion atestas antikvaj arkitekturaj monumentoj, precipe de islama religio – moskeoj kun solidaj minaretoj, madrasoj kaj diversaj islamaj centroj – dissemitaj tra la tuta lando kaj bone konserviĝintaj kaj konservitaj ĝis nun. Etoson certe formas, nelaste, la lingvo, ĉi-foje – la rusa, kiu estas parolata en Uzbekio diversnivele. Tial mi instruis Esperanton en Uzbekio ne ĉiumomente rektametode.

En la malproksima 1974a jaro mi vizitis Taŝkenton kaj Samarkandon dum vintraj studentaj ferioj kun unu el miaurbaj Esperanto-amikinoj. De tiu tempo multo ŝanĝiĝis : Uzbekio estas jam eksterlando, feliĉe senviza por rusoj, kun sia nova valuto kaj sia nova, laŭdata de loĝantaro, prezidento, novtipaj entreprenoj kaj novaj diversspecaj projektoj... La lando iĝis iumomente nerekonebla. La centraj urbaj distriktoj plivastiĝis, aperis modernaj konstruaĵoj, muzeoj kaj monumentoj. Tamen en Taŝkento daŭre, konstruita en 1977a jaro, funkcias metroo, iuloke restaŭrigita kaj kies veturbileto 5-oble pli malmultekostas ol tiu en Moskvo, sed same komforta, pura kaj bela.

La unua urbo, al kiu mi venis, estis Samarkando[2] kaj kie dum sovetia epoko E-movado disfloris : tutsovetiaj kaj regionaj E-aranĝoj, komenco de la artista kariero de Ĵomart kaj Nataŝa[3], E-aktivulino el rusa urbo Jekaterinburgo Raja Kudrjavceva eklernis la lingvon en Samarkando dum siaj studentaj jaroj.... Kiam Uzbekio sendependiĝis,

Esperanto-situacio memkompreneble ŝanĝiĝis pro konataj al ĉiuj postperestrojkaj sekvoj... La ŝanĝoj, kiuj okazis dum 1990-aj jaroj kaj sekvis poste, certe grave influis ankaŭ al loka E-aktivado.... Tamen la nomo de la internacia lingvo estis regule aŭdata dum okazigo de diversaj projektoj de la urba kulturcentro "Amir Temur"[4], kie laboras Anatoli Ivanoviĉ Ionesov[5], multjara kaj sperta loka esperantisto. Li lanĉis kaj organizis diversajn kulturajn projektojn laŭplane de la kulturcentro. De tempo al tempo tiuj projektoj interplektiĝas kun ebleco informi pri Esperanto, kion Anatoli I. profitas.



Anatoli I. multe klopodis por organizi ĉi-julian E-kurson, nominte ĝin projekto dediĉita al la Internacia UNO-Jardeko por Proksimigo de Kulturoj enkadre de la proklamita en Uzbekio la Jaro de subteno de aktiva entreprenado, novigaj ideoj kaj teknologioj - aperis anoncoj paperformaj ene de la biblioteko, kie okazis E-lecionoj kaj artikoloj en diversaj urbaj kaj kelkaj landaj elektronikaj gazetoj[6]. Multe helpis en organizo de la E-kurso la urba inform-biblioteka centro, ĝia estrino kaj bibliotekistoj de la fremdlingva fako, kie okazadis E-lecionoj. Ĝuste ili kontribuis al instaligo de la fako kun E-literaturo, kiu apartenis al iama E-klubo kaj persona E-biblioteko de A.Ionesov. Ankaŭ mi aldonis kelkajn E-librojn al tiu ĉi fako.

Rapide trapasis la unusemajna intensiva kurso. La lastan tagon estis organizita specialforma ekzameno, t.n. interparolado kaj enmanigo de diplomoj al E-kursfinintoj. La reaktiviĝanta esperantisto, Bahodir Ĥabibov, profesia lingvoinstruisto, pretis daŭrigi E-instruadon al la kursfinintoj. En 1998 Bahodir Ĥ. kunaŭtore kun Anatoli I. eldonigis en la eldonejo «Impeto» (Moskvo) E-lernolibron en la uzbeka lingvo.




**Meze : Tatjana, kaj plej maldekstre : Anatoli**

En Samarkando mi havis tre interesan sperton, tre simpatiajn kaj kapablajn diversaĝajn kaj diversnaciajn gekursanojn, tre varman kaj amikan etoson kaj varmegan eksteran temperaturon, ĝis +50!!!...

Nuntempe en Uzbekio funkcias trajno de alta rapideco (averaĝe 250 km/h) nomata «Afrosiab» (Afrosiab estas la loko norde de la urbo, kie situis la antikva Samarkando). Ĉi-trajno ligas la urbojn Taŝkento[7], Samarkando kaj Buĥoro/Buĥaro[8]. Do, ne estis bezonate multe da tempo por atingi la uzbekian ĉefurbon – pli da zorgoj postulis aĉetadon de la trajnbileto : tro da dezirantoj vojaĝi somere en komfortaj kaj klimatizitaj vagonoj.

En Taŝkento ĉe la vagono mi estis renkontata de Gafur Mirzobajev, multjara esperantisto. Malgraŭ jam delonga (dudekjara) neuzo de la lingvo, Gafur lerte E-parolas. Kelkajn monatojn antaŭ mia alveno Gafur M. kun siaj E-geamikoj sukcesis jure registri la Uzbekan E-Asocion (UzEA), kio estis klopodiga, kaj iĝis ĝia prezidanto. La UzEA nun havas multajn kaj interesajn agadplanojn. Kaj unu el primaraj – kreskigo de geesperantistoj en Taŝkento. La iom malfrue trovita E-kursejo estis vere paradiza loko : klimatizita klasĉambro kun ĉiuj

bezonataĵoj por instruado en urba junulara centro. Tamen oni ne povis plene profiti ĝin : oni ŝatus havi pli da gelernantoj en tiu ĉi senpage disponigita ejo. Sed feliĉe tiuj, kiuj venis, plejparte gejunuloj, kaj partoprenis E-lecionojn, estis diligentaj gekursanoj pretaj daŭrigi 10-tagan E-lernadon, jam sub gvido de Gafur M., al kiu (por UzEA) mi donacis kelkajn librojn eldonitajn en la rusa «Impeto». Fine de ĉi-septembro E-kurso estos daŭrigota en la sama klasĉambro de la junulara centro.

Forlasante Uzbekion oni aŭdiaŭas tamen iom malkovrinte la landon de la Silka Vojo, kiu multe evoluis dum la lastaj jardekoj, sed restas alloga pro siaj malnovaj tradicioj, kiuj daŭre regas kaj okulfrapas per kutime surmetataj buntkoloraj naciaj vestaĵoj kaj okazigataj pompaj edziĝfestoj por 300 gastoj, popularaj bongustegaj pilafo kaj lagmano, abundo de legomoj kaj sukoplenaj fruktoj en bruantaj kaj bonodorantaj bazaroj, kie endas marĉandi, kaj nepras gustumi famajn melonojn „Torpedo“. Uzbekio estas unika lando, kaj ĉi tie ĉio estas nekomparebla: neordinare bonkoraj kaj gastamaj homoj, kiuj pretas konatigi vin kun riĉega kulturo de sia patrolando kaj per tio vi pli eksimpatias al ili kaj pli ekestimas ilin. Mi ŝatus bondeziri daŭran prosperon al la lando kaj ĝia popolo kaj E- revigliĝon!

1. Lančov-tendaro – https://eo.wikipedia.org/wiki/Lan%C4%8Dov
2. Samarkando – https://eo.wikipedia.org/wiki/Samarkando ; https://www.monato.net/2006/008920.php
3. E-kanto «Samarkand‘» – https://www.youtube.com/watch?v=c-Q3rJUmrDg
4. Amir Temur – https://eo.wikipedia.org/wiki/Timur
5. Ionesov A.I.– https://eo.wikipedia.org/wiki/Samarkando#Samarkando_kaj_Esperanto
6. Ruslingva artikolo – http://kultura.uz/view_2_r_11893.html
7. Taŝkento – https://eo.wikipedia.org/wiki/Ta%C5%9Dkento
8. Buĥaro – https://eo.wikipedia.org/wiki/Bu%C4%A5aro

## Ni kune vojaĝu de Lahti tra Rusio kaj Mongolio al Pekino




Rusaj, mongolaj kaj ĉinaj geesperantistoj invitas vin partopreni la Esperanto-Karavanon 2019. Nova projekto antaŭvidas ĝian starton post la UK-104 en Lahti, Finnlando. La itinero antaŭvidas trajnumadon tra Rusio, Mongolio kaj Ĉinio. Tio estos iom nova sperto, ĉar ĉiuj antaŭaj EK-oj kondukis al la UK-oj. Laŭitinere oni haltos ĉe la Bajkal-lago kaj en certaj urboj/lokoj por konatiĝi kun iliaj vidindaĵoj kaj renkontiĝi kun geesperantistoj. Eblas partopreni nur parton de itinero de la EK-2019.

Pliajn informojn bv. trovi en http://esperanto-karavano.info/itinero2019.html

Tatjana Loskutova lota49@mail.ru

## Internaciaj Letertagoj "Vorto pri Samarkando" aperis en ĵurnaloj

Ni volus sciigi vin, ke la Internaciaj Letertagoj "Vorto pri Samarkando", dediĉitaj al la Tago de la Urbo, bone sukcesis. Alvenis multegaj leteroj kaj aliaj materialoj el plej diversaj partoj de la terglobo.

Pluraj salutmesaĝoj estis publikigitaj en nialandaj retaj kaj paperaj nacilingvaj periodaĵoj. Vidu la ĉi-subajn retligilojn:

- http://sv.zarnews.uz/news/3384
- http://sv.zarnews.uz/news/3427
- http://www.xs.uz/uzkr/post/zhahonning-yopqin-dupdonasi
  (uzbeklingve cirilalfabete)
- http://www.xs.uz/uz/post/zhahonning-yopqin-dupdonasi
  (uzbeklingve latinalfabete)
- http://kultura.uz/view_2_r_12345.html (landa prikultura reta revuo)
- https://korrespondent.uz/17982/ (uzbeklingva novaĵretejo)
-https://insamarkand.uz/glavnaya/149-samarkand-jeto-gorod-o-kotorom-hochetsja-dumat-mechtat-i-govorit.html
  (regiona kaj urba novaĵretejo)

kaj la kunsendatajn dosierojn:

- regiona tagĵurnalo "Samarkandskij Vestnik" (papera kaj reta versioj)
- ĉefa tutlanda uzbeklingva tagĵurnalo "Xalq So'zi" (papera kaj reta versioj)
- populara landa semajna familia gazeto "Lady" (papera versio)
- urba tagĵurnalo "Samarqand" (papera versio).

Laŭbezone, por kompreni la enhavon, vi povas facile Esperantigi/nacilingvigi la retajn tekstojn, uzante Translate.Google.Com aŭ similajn apojn.

Refoje ni sincere dankas al ĉiuj, kiuj partoprenis en nia interkultura projekto. Pacon, sanon, bonfarton, bonhumoron kaj feliĉon al vi ĉiuj!

Anatoli Ionesov, Enciklopedia projekto "Samarkandiana"
P.O. Box 76, UZ-140100 Samarkando, Uzbekio
imps86@yahoo.com

# Japanio

## Okazis la 59a Toohoku-Kongreso

La 29an kaj la 30an de septembro 2018 okazis la 53a Toohoku-Kongreso en la urbo Toono de la gubernio Iŭate. En ĝi partoprenis 40 homoj el 4 gubernioj de Toohoku-regiono kaj ankaŭ pli ol 10 el la regiono Kantoo.



En la 29a s-ro Kunii parolis pri Ski-kunloĝado, kiu jam okazis 43 fojojn en la gubernio Jamagata. Vespere ni aŭskultis folklorajn rakontojn, famajn en tiu urbo, rakontitajn de maljunulino en la loka dialekto, do multaj ne povis kompreni la enhavon. Poste okazis bankedo kaj Gaja Vespero.

La 30an, komence okazis deklama konkurso kaj 6 homoj partoprenis. Poste prof. Gotoo prelegis pri Janagita Kunio kaj Sasaki Kizen, esperantistoj antaŭ la dua mondmilito kaj ankaŭ famaj en sia propraj kampoj. Surbaze de scio de Sasaki pri folkloraj rakontoj, Janagita eldonis libron nomatan "Rakontoj de Toono", kolektaĵoj de tiuj rakontoj, kaj dank' al ili japana folklorogio komenciĝis. Poste okazis 3 fakkunsidoj: pri la UK en Lisbono de Hori, parolado kun Ĵon el Vjetnamio kaj kurso por komencantoj de Tony el Usono.

Post la fino okazis ekskurso al la Vilaĝo de Folkloraj Rakontoj, sed proksimiĝis granda tajfuno, tial nur 8 partoprenis.

En 2019 okazos la 60a Kongreso en Fukuŝima.

Japanio

# Vortaro por Kanĵi-Lernantoj Esperanta Eldono

Ĉefredaktoro **Jack Halpern**
**The CJK Dictionary Institute** (La Vortara Instituto ĈJK)




**La Vortaro por Kanĵi-Lernantoj: Esperanta Eldono** estas kompilata sur la bazo de la originala angla eldono. Tiu ĉi vortaro, kiu estas eldonita de la Japana Esperanta Instituto, respondadas al la bezono pri facile uzebla kanĵi-vortaro.

La baza celo de la vortaro estas ebligi al la lernantoj funde kompreni, kiel kanĵioj estas uzataj en la japana lingvo de la nuntempo, disponigante tujan aliron al abundo da esencaj informoj pri la signifoj, legoj kaj kunmetaĵoj de la plej ofte uzataj kanĵioj.




Precipe unika kaj aprezinda trajto estas la **kerna signifo**, konciza ŝlosilvorto, kiu difinas la plej bazan nocion de ĉiu kanĵio. Klaraj, kompletaj kaj ekzaktaj **karaktraj signifoj**, ilustritaj per nombro da kunmetitaj vortoj kaj ekzemplaj frazoj, estas klasifikitaj ĉirkaŭ la kerna signifo laŭ logika maniero, tiel ke ili perceptiĝas kiel integra unuo.

Alia unikaĵo estas la **System of Kanji Indexing by Patterns** (SKIP) (Sistemo de Kanĵi-Indeksado laŭ Strukturtipoj), kiu ebligas rapidan kaj trafan elserĉon de celata karaktro kvazaŭ en alfabeta vortaro.

La vortaro estas produkto de rigora leksikografia esplorado kaj sistema kompilado. Ĝi estas kompilata ekspluatante la plej lastatempajn atingojn de pedagogia leksikografio kaj de cifereca eldonteknologio. Tio garantias altan nivelan de ekzakteco, konsekvencan aplikadon de la redaktaj principoj kaj belegan, estetike okulplaĉan dezajnon.

# Israelo

## Verda festo ĉe la Ruĝa Maro

La 20-a Israela Kongreso de Esperanto en Eilat la 11an – 14an de aprilo 2019, sekvata de la kunveno de MezOrienta kaj NordAfrika komisiono (MONA) de UEA en Akaba (Jordanio) la 14an – 15an de aprilo 2019.
Ĉeftemo: Medio, paco kaj kunekzisto en la Mezoriento.
Muzika akompano: Kajto kaj jOmO.
Kotizo:
300 eŭroj (inkluzivas 4 noktojn en dulita ĉambro kaj matenmanĝon en bonaj hoteloj).
Ĝis la 31an de decembro 2018: 285 eŭroj.
Postkongreso:
Sudaj Jordanio kaj Israelo: la 15an – la 21an de aprilo 2019. Petra, Wadi Rum, la Morta Maro, Masada, Jerusalemo, Tel-Aviv-Jafo. Profesia Esperanto-ĉiĉeronado. 550 eŭroj.
Norda Israelo: la 22an – la 24an de aprilo 2019. Haifa, Akko, Nazareto, Lago Galileo. 200 eŭroj.
Malaltkostaj flugoj de Eŭropo rekte al la nova internacia flughaveno de Eilat! ekzemple: irrevene de Frankfurto: 65 eŭroj, de Milano: 67, de Amsterdamo, Warsovio, Riga, Budapesto aŭ Vieno: 85-95 eŭroj.
Informoj kaj aliĝo: http://esperanto.org.il/ik20-mona.html

# Esperanto-eventoj

### Tutmonde

### 2019

07/06-14 : La 55-a Baltaj Esperanto-Tagoj (Panevezys, Litovio)
07/13-20 : La 52-a Kongreso de ILEI (Ĉaĉak, Serbio)
07/20-27 : La 104-a UK (Lahtio, Finnlando)
07/28-08/04 : La 75-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) de TEJO (Liptovsky Hradok, Slovakio)

08/04-11: La 92-a Kongreso de SAT (Barcelono, Hispanio)

**Internacia Esperanto-Sumoo**

la 54a Sumoo : 2018/09/09-23
la 55a Sumoo : 2018/11/11-25
la 56a Sumoo : 2019/01/13-27
la 57a Sumoo : 2019/03/11-24
la 58a Sumoo : 2019/05/12-26
en julio ne okazos la sumoo.
la 59a Sumoo : 2019/09/08-22
la 60a Sumoo : 2019/11/10-24

Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo
Fejsbuko: https://www.facebook.com/groups/759066970888217/?fref=ts

**Azio kaj Oceanio**

**2018**

En decembro okazos Zamenhofa Festo en pli ol 30 lokoj en Japanio
12/08: Zamenhofa Vespero (Tokio, Japanio), 12/16: Zamenhofa Festo (Kanagaŭa, Japanio) kaj aliaj
12/14-15: La 41a Jara Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio (Multan, Pakistano)
12/30-2019.01/02: Transjara Kurskunveno de EPA (Kameoka, Japanio)

**2019**

01/4 – 13: Aŭstralia Kongreso kaj Somerkursaro (Adelajdo, Aŭstralio)
01/26-27: Nacia Kongreso de Novzelando (Wellington, Nov-Zelando)
02/26-03/09: La 13a Internacia Himalaja Renkontiĝo (Katmanduo kaj Pokhara, Nepalo)
03/28- 31: La 12-a Mezorienta Kunveno (Kaŝano, Irano)
04/1-15: La Kunveno de MONA (Akaba, Israelo)
04/5-12: Ekskurso al Irano (Boruĝerdo – Irano)
04/11-15 : La 20-a Israela E-Kongreso + MONA-kunveno en Eilat, Israelo kaj Akaba, Jordanio. 5-taga Verda festo ĉe la Ruĝa maro kun

kunveno de MONA (Meza Oriento kaj Norda Afriko) en la apuda Akaba (Jordanio)

04/19-21: Printempa Renkontiĝo de Jacugatake-E-Domo (Jamanaŝi, Japanio)

04/25-28 : La 9a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto (Danang, Vjetnamio)

05/18-19 : La 93a Kjuuŝuua Esperanto-Kongreso (Mijazaki, Japanio)

Majo-Junio: La 68a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)

: La 67a Kansaja Esperanto-Kongreso (Japanio)

**KAEM-anoj**

Prezidanto: SO Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vic-prezidanto: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**

Israelo: Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com

**Suda Azio**

Pakistano: Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com
Barato: Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com

**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**

Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Vjetnamio: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai, goldenprocom@gmail.com
Aŭstralio: Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
Nov-Zelando: Bradley McDonald, bradley@nzea.org.nz

**Orienta Azio**

Ĉinio: Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: SO Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estrarano de UEA**

Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Trezoro Huang Yinbao (Ĉinio) agrikulturo@126.com

**Retpaĝoj de KAEM**

(1) La retejo de KAEM. http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356
Vi tuj gajnos la permesan rajton de la ŝanĝado de la retejo.
(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?
A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novajxo
B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado
C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

………………………………………………………………………

**Esperanto en Azio kaj Oceanio**
Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (KAEM)
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM:
Retejo de KAEM : http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3